# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

33a jaro Novembro-Decembro 1981 N-ro 6





## La LKK de 34...

Prezidanto: inĝ. István Gulyás (sidante). Maldekstre de li: kasisto: Imre Domokos, sekretario: János Patay, revizoro: László Zseni.

foto: Hungara Fervojisto.

# NI FUNEBRAS PRO D-RO SCHLESSER

Kiel fulmo el serena ĉielo trafis nin la sciigo, ke la 11an de Novembro tute neatendite forpasis d-ro Emile Schlesser, ĝenerala prezidanto de FISAIC. De 1966 ĝis 1981 li gvidis la grandan internacian federacion de la kulturflegantaj fervojistoj.

La unuan fojon li ĉeestis en nia rondo la 19an IFEF-kongreson en Fulda 1967. Tie li konatiĝis kun nia lingvo, sed ankaŭ kun la spirito, kiu vivas inter la esperantistoj. Tiu spirito same forte impresis lin kiel lian antaŭulon, la neforgesitan d-ron Marcel Mollion. Ambaŭ estis niaj amikoj. Ni citu la vortojn, kiujn d-ro Schlesser elparolis en Fulda en sia bankeda tosto:

"Hodiaŭ mi preĝis ĉe la tombo de Sankta Bonifacio: 'Faru, Dio, ke la spirito, kiun mi trovis ĉi tie en Fulda, disvastiĝu tra la tuta Mondo'".

Ni havis la ĝojon denove povi persone saluti lin en nia jubilea kongreso en Aarhus 1973 kaj ĉi-jare en Regensburg. Kun li ankaŭ estas ligita la fakto, ke ekde 1967 IFEF-kongresoj daŭre estis aranĝitaj sub aŭspicio de FISAIC. Kaj li ankaŭ estis la unua, kiu nome de FISAIC distingis IFEF-membrojn per medaloj.

D-ro Schlesser estis homo, kiu en si kunigis komprenemon, ĝentilecon, bonecon kaj helpemon. Pro lia forpaso ankaŭ ni esperantistoj ne povas ne profunde funebri. Ni perdis amikon. Kaj ni sincere kondolencas al la edzino kaj la infanoj, kiuj perdis edzon kaj patron.

estraro

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.
Redaktoro:
Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, F-78420 Carrières/Seine.
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550, DK-9800 Hjørring.
Poŝtĉekkonto: 1 25 80 35, IFEF, Tolne station, DK 9891 Tolne.

Preso: Esperanto-Press Augsburg, Seitzstr. 14, D-8900 Augsburg
Tel. 0821/41 92 13 + 48 81 49




INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO

# REGULARO

pri la Ski- kaj Lingvo-Konkursoj

1) La konkursojn rajtas partopreni ĉiu IFEF-membro, kies aliĝilo al la skisemajno estas valide akceptita. Ne-IFEF-membroj rajtas partopreni la konkursojn, sed ili ne povas gajni la IFEF-premion laŭ poz. 6).

2) Partopreni ekster konkurso eblas laŭ decido de la organizantoj.

3) La gajnantoj ricevas premiojn, se la organizantoj disponas ilin.

4) La juĝantaro por skikonkursoj konsistas el 3 personoj el 3 landoj.

5) Ĉiu konkursanto ricevas poentojn kalkulitajn laŭ baremo aldonita al tiu regularo.

6) Tiu konkursanto, kiu ricevas la plej altan poentsumon en ski- kaj lingvo-konkursoj kune, gajnas specialan premion, kiun IFEF disponigas por ĉiu internacia IFEF-skisemajno.

7) Gajninto de IFEF-premio ne rajtas gajni ĝin duan fojon dum la sekvontaj du jaroj, eĉ se li (ŝi) denove ricevos la plej altan poentsumon. Ĉi-kaze tiu kun la dua plej alta sumo ricevas la premion.

## REGULOJ POR LA SKI-KONKURSOJ.

1) Ekzistas 2 kategorioj de skiantoj, nome viroj kaj virinoj.

2) Ekzistas en ĉiu kategorio 3 gradoj, laŭ la spertoj, nome a) komencantoj, b) progresintoj, c) spertuloj.

3) La skiinstruisto decidas, laŭ kiu grado konkursanto startas.

4) En ĉiu kategorio la konkursvojo dufoje devas esti skiata, sed validas nur la pli favora rezulto, kalkulita laŭ jena baremo.

**Baremo por la ski-konkursoj**

| | |
|---|---|
| plej rapida skianto .......... | 20 poentoj |
| plej malrapida skianto ....... | 6 poentoj |
| ĉeso dum skiado .............. | 3 poentoj |
| nepartopreno post anonco ..... | 0 poentoj |
| koeficiento .................. | 2 |

**Kalkulekzemplo**

plej rapida konkursanto: 60 sekundoj = noto 20
plej malrapida - : 92 - = - 6

Ekz. la noto por la 4a konkursanto,
kiu bezonis 76 sekundojn, estus:

$$\frac{(20 - 6) \times (76 - 60)}{(92 - 60)} = 7. \quad 20 - 7 = 13 \times 2 \text{ (koef.)} = \underline{26}$$

**REGULOJ POR LA LINGVO-KONKURSOJ**

1) Ekzistas 3 kategorioj de konkursantoj, nome

   a) komencantoj, kiuj lernis 1 ĝis 2 jarojn,
   b) progresintoj, kiuj lernis pli ol 2 ĝis 4 jarojn,
   c) spertuloj, kiuj praktikas pli longe ol 4 jarojn.

2) La juĝantaro devas konsisti el 3 personoj el 3 diverslingvaj landoj.

3) La juĝantoj rajtas partopreni, sed ilin notas la aliaj juĝantoj.

4) La juĝantoj mem decidas pri la maniero, prinoti la konkursantojn.

5) La rezulto estas kalkulata laŭ jena baremo kaj laŭ sama maniero kiel la ski-konkursoj.

**Baremo por la lingvo-konkursoj**

| | |
|---|---|
| plej alte notita konkursanto ..... | 20 poentoj |
| plej malalte notita konkursanto .. | 6 poentoj |
| ĉeso dum partopreno .............. | 2 poentoj |
| nepartopreno post sinanonco ...... | 0 poentoj |
| koeficiento ...................... | 3 |

Validigita de la IFEF-estraro en Parizo

14an de Septembro 1981

Giessner
(prez)

# PRI LA EVOLUO EN ĈEĤOSLOVAKIO

Post la 33a IFEF-kongreso la IFEF-prezidanto en Aŭgusto vizitis Ĉeĥoslovakion. Li parolis kun la prezidanto de Fervojista Sekcio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio, s-ro Jaroslav Kašparec, kaj kun la prezidanto de Ĉeĥoslovaka Fervojista Esperanto-Federacio, s-ro Miloslav Blažek, por informi sin pri la problemoj de la du fervojistaj sekcioj.

Poste, la 6an de Aŭgusto, okazis kunveno en la sidejo de Ĉeĥa Esperanto-Asocio en Praha, en kiu partoprenis ties prezidanto d-ro Jaromír Jermař kaj sekretario s-ro Zdenko Křimsky, krome s-ro M. Blažek, s-ro Jaromir Babička kaj la IFEF-prezidanto Joachim Giessner. Celo de la kunsido estis trovi vojon el la momenta kriza situacio. En agrabla atmosfero estis prezentitaj la diversaj starpunktoj, kaj fine estis subskribita de ĉiuj protokolo, kies ĉefaj pozicioj estis:

- La agado de la fervojistoj esperantistaj ne kontraŭu la ĉeĥoslovakajn leĝojn.
- La esperantistaj fervojistoj estu organizataj kiel Fervojistaj Sekcioj en ĈEA resp Asocio de Esperantistoj en Slovaka SR (AE SSR).
- Por ambaŭ sekcioj estas antaŭvidita komuna gvidkomisiono, kiu fariĝos la tutŝtata partnero por IFEF.

Krome ĈEA akcentas, ke la estontaj fervojistaj membroj nenial suferos financajn malavantaĝojn, eĉ male, kaj ĝuos la moralan subtenon de ĈEA resp. AE SSR.

S-ro Blažek prezentis la protokoltekston al ĈS FEF la 15an de Aŭgusto. Ĝi ne estas akceptita, ĉar rigardita ne sufiĉe kompleta, kaj oni proponis starigi komunan komisionon por trovi solvon de la konflikto. Lastmomente atingis nin la informo, ke s-ro Blažek demisiis kiel prezidanto de ĈS FEF.

IFEF nur povas esprimi sian esperon, ke en la intereso de niaj ĉeĥoslovakaj kolegoj kaj ankaŭ de IFEF tre baldaŭ estos trovata kontentiga solvo en lojala agado ambaŭflanka.

IFEF-estraro.

# FIN- kaj NOVJARAJ SALUTOJ

OKAZE DE LA KRISTNASKAJ FESTOTAGOJ KAJ LA TRANSIRO AL NOVA JARO LA ESTRARO DE IFEF KORE SALUTAS ĈIUJN MEMBROJN, LANDAJN ASOCIOJN, KUNLABORANTOJN KAJ AMIKOJN DE IFEF.

Ni dankas pro agrablaj rilatoj dum la baldaŭ pasinta jaro kaj deziras al ĉiuj fortojn kaj entuziasmon en la daŭra laboro por IFEF kaj ties idealoj.

IFEF-estraro.

# REZULTOJ DE LA LITERATURA KONKURSO

okazinta dum la kongreso en Regensburg

## Originala prozo

1. "Foriro" de Zora Heide, Svedio (premiita)

2. "Désastre" de Vesna Skaljev, Jugoslavio
"La unua Kontakto" de H.D. Hartig, Germanio
"La misjuĝo de ministro" de Germaine Lemmonier, Francio
"Tian mi neniam vidis" de Marinko Ĝivoje, Jugoslavio

3. "Bona Vojaĝo" de H.D. Hartig, Germanio
"Senrevene" de M. Ĝivoje, Jugoslavio
"Vetkuro" de V. Slajer-Race, Jugoslavio

## Originala poezio

1. "Vivtrajno" de Ursula Zybura, Pollando (premiita)

2. "Legendo pri la bona trajno" de Zora Heide, Svedio
"Masakro" de Maria Teresa Netola, Italio

3. "Pri anĝeloj, flugantaj sur la reloj"
de Jiri Karen, ĈSSR
"La duan de Aŭgusto" de Maria Vittoria Mandreoli, Italio
"La vivo kaj vagonaroj" de Jiri Karen, ĈSSR

## Tradukita prozo

1. "Fervoja Katastrofo" moderna fabelo el la novelaro "Kornmod" de Johannes Buchholtz,
trad. el la dana de Erna Hauge, Danio (premiita)

2. Fragmento el la romano "Pupo" de Prus
trad. el la pola de Irene Missiuri, Pollando
"La lasta vespero" (el la vivo de Barieristo)
de Milan Dimitrijeviĉ,
trad. el la kroata de Ludoviko Sekereŝ, Jugoslavio

3. "Kirastrajno" rakonto de Anĝelke Martiĉ,
trad. el la kroata de Marinko Ĝivoje, Jugoslavio
"La fluganta skoto" el leteroj de Eric Gill,
trad. el la angla de Douglas Normann, Anglio
"La unua fervoja stacio" el la libro "Der tolle (= kontraŭracia) Bomberg" de Jos. Winkler,
trad. el la germana de Josef Bode, Germanio

## Tradukita poezio

1. "Sur Fervojo" poemo el la jaro 1847 de Sándor Petöfi, trad. el la hungara de Georgo Szondi, Hungario(premiita)

2. "Noktotrajno" el la libro "Dansk Lyrik" de Bundgaard Povlsen "Vågetid" 1955
   trad. el la dana de Gunhild Halager, Danio
   "Ĉiutagaj versoj" de Erik Ransemar
   trad. el la sveda de Zora Heide, Svedio

3. "En la ĉefa stacidomo" poemo de Marija Toplak,
   trad. el la kroata de Zora Heide, Svedio
   "La fervoja horaro" el la libro "Allzeit gute Reise" (ĉiam bonan vojaĝon) de Eugen Roth
   trad. el la germana de Manfred Retzlaff, Germanio
   "Trajnoj kreskas en mi" de Milorad Tasovac
   trad. el la kroata de Ludoviko Sekereŝ, Jugoslavio
   "En la aŭtuna vespero" el "Vartegn" 1959 de Bundgaard Povlsen
   trad. el la dana de Gunhild Halager, Danio.

E. Kruse

---



---

34a
ESPERANTO Kongreso
de IFEF
Balatonfüred
Majo 1982

## La 34a IFEF-KONGRESO en HUNGARIO

Malgraŭ nia peto ni ne ricevis el LKK novajn informojn pri la organizo de la venonta IFEF-kongreso, aŭ pri la loko mem.

Do, ni petas vian pardonon pro tiu manko da informado, pri kiu ni ne kulpas, kaj ni invitas vin legi aŭ relegi la jam aperigitajn artikolojn en IF/4-81 paĝo 47 kaj IF/5-81 paĝoj 65-66.

la redaktoro

## NOVAĴOJ PRI POLLANDO

Fervojista renkontiĝo okazis je dimanĉe la 7an de julio. Ĉeestis la prezidantoj de la fervojistaj kluboj el Bydgoscsz, Opole kaj Varsovio kaj krome dudeko da fervojistoj el pluraj aliaj urboj.

S-ro De Bruyne L., staciestro el Linkebeek prelegis pri la senco kaj la valoro de la esperantistaj vintraj renkontiĝoj kaj speciale pri la fervojistaj t.n. IFES; li prezentis sian esperantparolitan 8 mm kolorfilmon pri la 22a IFES okazinta en Bohinj, Jugoslavio en februaro pasinta, al kiu partoprenis 111 fervojistoj el 12 landoj, el kiu, kiel plejmultnombra landa grupo, 13 belgoj.

Post la filmprezentado okazis tre fruktedona kaj esperplena diskuto pri la movado ĝenerale kaj speciale pri la fervoja komprenebIe.

En Bydgoscsz, Opole kaj Varsovio okazas kursoj por fervojistoj kun respektive dudeko da kursanoj.

Laŭ ekzemplo de la Pola Komputista Rondo, fondita en januaro pasinta, nun ree povos esti kreata fervojista fakgrupo kadre de la agado de Pola Esperanto Asocio.

La aliĝo al IFEF nun ankaŭ plifaciliĝos, ankaŭ por individuoj. Se estus devizaj malfacilaĵoj, la polaj fervojistoj ĉiam senpage povas aliĝi al la koresponda servo, kiu sinsekve havigos la sendevizan aliĝeblecon.

La starigo de la fervojista fakrondo estas planita por oktobro estonta kadre de la VIIa Internacia Foiro de Esperanto-Turismo okazonta en Varsovio de la 18a ĝis la 25a de oktobro.

Samtempe estos prezentataj definitivaj programoj por la organizado de la 24a IFES en la alta Tatro, en la regiono de Zakopane, kaj veturo kun propra loĝvagono al la Universala Kongreso 1982 en Antverpeno.

Kadre de tiuj tuturbaj festoj, la plensemajna riĉa Esperanto-programo estis sukcesplena abeluja renkontiĝejo kaj ora ideobanko por kvindeko da geaktivuloj kaj tricento da geesperantistoj kaj gesimpatiantoj el dudeko da landoj, tiel el oriento kaj okcidento.

(Respondecas pri tiu artikolo: S-ro De Bruyne L., staciestro, Linkebeek)

el "Tamen" (BEFA-organo)

---

GRAVAJ ENHAVAĴOJ



La redaktofino por la venonta IF estas 15.1.82.